# KATOLIKA MONDO

Ĉefredaktoro : Kaspar MAYR, London, 16, Red Lion Square.
Redaktoro : W. Solzbacher, Honnef a. Rh., Spiesgasse, Germ.
Kunredaktoroj : Patro M. Carolfi O. F. M., Italio. Prof. P. J. A. Muffang Francio. Pastro J. Makara. Polio.

Esperanto-Organo de Internacio Katolika kun junula aldono « La Juna Batalanto »




7 a - Kolekto n° 10 — Septembro 1926

Eldonejo kaj ekspedejo : Katolika Mondo Elberfeld, (Germ.)
Poŝtĉekaj kontoj :
Koeln 76105
Warszawa 190072
Paris 80061, Praha 77396
Wien 162473.


# POST LA KONGRESO

## SUR LA TURO

Estas tradicio de K. M., ke post la ĉiujara kongreso la redaktoro grimpas sur la altan revuoturon kaj per akra rigardo observas, kie ni staras. Kaj poste, ankoraŭ starante sub la entuziasmiga impreso de la ĵus pasinta kongreso, li faras kuraĝan alvokon al la tuta armeo de nia internacia frataro, kies ligilo estas K. M., la laŭta heroldo de nia komuna batalo, la sonorilo de niaj esperoj kaj revoj...

Ankaŭ hodiaŭ ni troviĝas post kongreso. Ĉu ĝi sukcesis ? Jes, amikoj, ĉiuj jurnaloj parolis pri ĝi, belegaj vortoj estas parolitaj de eminentaj viroj, pri multaj problemoj oni aŭdis kompetentajn opiniojn, la kongreso estis nova progreso de internacia katolika agado....

Tamen mi nun ne staras sub la impreso de la kongreso. Mi ne povis viziti ĝin. Nek multaj aliaj el niaj amikoj, kiuj ĝis nun estis tradiciaj IKA-kongresanoj. La subita translokiĝo al Einsiedeln malebligis la partoprenon al multaj. Kaj kun iom da melankolio mi nun repensas al la pasintaj jaroj, kiam mi ofte multajn horojn de la nokto sidis kun amikoj, babilante kaj revante pri la estonteco de IKA kaj « Katolika Mondo », kun amikoj kiuj en la nuna jaro ne vidis unu la alian kaj kies manojn mi nun premas spirite....

Mi — kaj eble multaj aliaj havas la saman impreson — nun ne povas liberiĝi de iom strangaj pensoj : ke IKA faris tro multe da bruo ekstera kaj tro malmulte kreskis interne ; ke ĝi laboris tro multe por aliaj, kiuj poste rikoltis la fruktojn, kaj tro malmulte por si mem; ke niaj lastaj kongresoj fariĝis pli kaj pli katedroj de viroj sendube tre eminentaj, kiuj predikas teoriajn principojn, sed ke ili ne plu estas, kio ili estis komence : *renkontejoj de katolikoj, kiuj per praktiko kunlaborado ne nur dum la kongresa semajno, sed ĉiam, volas realigi la idealon, kiu estas la nomo de nia ligo : grandan, potencan, vivofortan* **Internacion Katolikan**.

La kongreso en la *sekvonta* jaro — ĉu ne, amikoj? — devos denove esti *tia* kongreso !

Sed la kongresoj ne estas la ĉefa afero. Ni havas ankoraŭ alian interligilon kaj parolilon almenaŭ same gravan. Tio estas nia «*Katolika Mondo*». Ĝi nun povas festi *jubileon : Depost kvin jaroj ĝi estas vokanto por paco kaj frateco, pioniro por la Regno de Dio sur nia peko kaj sango-makulita tero.*

Sur la tablo antaŭ mi kuŝas kelkaj numeroj de ĝia unua kaj dua jarkolekto. Mi rememoras, kiel ni tiam senpacience atendis ĉiun numeron, kiel ni sidis kun brulanta kapo kaj rapide frapanta koro, legante ĝiajn artikolojn. — Ĝi tiam estis vokanto en la dezerto, preskaŭ soleca roko en la ruliĝantaj ondoj de malamo kaj venĝemo kaj malamikeco.... Poste, iom post iom, estiĝis aliaj vokantoj... nacilingvaj..

*Karaj gefratoj! Ĉu K.M. hodiaŭ ne havas la saman taskon kiel tiam ? Ĉu K.M. ne devas daŭrigi, voki per la entuziasmigaj sonoj de nia kara lingvo Esperanto la katolikojn ĉiulandajn al unueca kunagado ?*



Ika-Kongreso en Einsiedeln
*Prelato D-RO PFEIFFER kaj P. CAROLFI*

Ni ja fariĝis aliaj. Ni vidis, ke multaj aferoj ne estas tiel simplaj, kiel ni pensis tiam, ni ofte puŝiĝis al la akraj realecoj kaj realaĵoj de la vivo, ni perdis multe de nia tiama kuraĝa naiveco. Kiam ni pliproksimiĝas al la problemoj, la romantika nebulo ofte malaperas, kaj la realaĵoj montriĝas krudaj kaj nudaj. Sed malgraŭ ĉio al ni brilas ankoraŭ la samaj steloj, la samaj idealoj vokas nin, kaj la ŝipo de nia K. M., kvankam ofte malhelpite per danĝeraj rifoj kaj krizaj ventegoj, veturas ankoraŭ la malnovan direkton.

Kaj ĉar mi scias, ke ni ĝis nun per la helpo de Dio kaj per via helpo, karaj geamikoj, ĉiam sukcesis savi nian ŝipon de pereo, unu fakto estas certa : *Nia granda rondo tutmonda de pastroj kaj laikoj, de viroj kaj virinoj, de junuloj kaj junulinoj, kiujn el ĉiuj nacioj kaj landoj kaj klasoj unuigas unu sama lingvo, ni restos por ĉiam la unueca familio de fratoj kaj fratinoj, ni daŭrigos preĝi, ne nur per la lipoj, sed per la agado, ke alvenu la Regno de Dio !* Ni ĉiuj ankaŭ plu estos pretaj agi kaj oferi. Kaj ĉar la plej grandaj krizoj de K. M. nun estas sukcese superitaj kaj ĉar nia ŝipo denove vidas antaŭ si la vastan, liberan maron kaj super si la klaran, bluan ĉielon, hodiaŭ eĉ kun pli granda rajto ol en pasintaj jaroj la redaktoro povas kun ĝoja koro kuraĝigi vin kaj esti konvinkita, ke ĉiuj amikoj faros sian devon kaj ne nur restos fidelaj, sed duobligos siajn fortojn por nia komuna idealo kaj por la triumfo de nia sankta afero !

Wilhelm Solzbacher

## La nunjara IKA - Kongreso

Ĝi okazis de la 11 ĝis la 15 aŭgusto en la naturobela, paceme situanta svisa pilgrimejo Einsiedeln. Kvankam la nombro de la kongresanoj ne estis tiel granda kiel ĉe la lastjara kongreso en Oxford, tamen pli ol 15 landoj estis reprezentitaj. Jam je la vespero antaŭ la oficiala malfermo multaj delegitoj kunvenis en la salono de la katolika junmetiista domo (Kath. Gesellenhaus) al amika interparolado kaj *salutado*. Tie ankaŭ nia kara kunredaktoro P. Prof. *Modesto Carolfi* prenis la parolon.

La kongreso komencis je la 11 aŭgusto per solena diservo en la belega monaĥeja preĝejo, kaj P. D-ro *Romuald Banz* O. S. B., direktoro de la gimnazio de Einsiedeln, faris la festpredikon pri la liturgio de la nova festo Kristo Reĝo. Poste okazis en la ĉefsalonego de la abatejo sub prezido de la ĉefabato *D-ro Ignatius Staub* la solena malfermo de la kongreso kaj la salutado de la multaj delegitoj kaj gastoj. *Mgr. D-ro Nikolaus Pfeiffer*, prezidanto de IKA kaj lerta gvidanto de la kongreso, tutkore salutis ĉiujn. Specialan impreson al la kunveno faris la laŭtlegado de *papa letero* en plej varmaj esprimoj deziranta al la kongreso la plej riĉan benon de Dio. Krom eklezjaj aŭtoritatuloj ankaŭ venis delegitoj de multaj katolikaj organizaĵoj el diversaj landoj. Je kelkaj el la publikaj paroladoj ĉeestis la konata protestanta teologia profesoro *D. Dr. Hermelink* de la universitato Marburg (Germ.), kiu laŭ la vidpunkto de pozitiva protestanta kristano sekvis la paroladojn vere pacemajn.

La unuan referaton donis la famkonata svisa predikisto kaj sciencisto Univ. Prof. Mgr. D-ro *Meyenberg* el Luzern pri la *reĝeco de Kristo en la Sankta Skribo*. Li skizis, kiel tie la Regno de Dio de la unua libro de la Malnova Testamento ĝis la Apokalipso aperas ne nur kiel regno de perfekteco en la individuo, sed ankaŭ kiel regno de ekstera moralareligia ordo.

*P. Modesto Carolfi O. F. M.* el Cortemaggiore (Ital.) parolis pri la *Regno de Kristo en la individuo kaj en la socio*. La reĝeco de Kristo en la individuo estas bazo por la aŭtoritato de Kristo en la publika vivo. Ni ankoraŭ publikigos pli detalan resumon de ĉi tiu interesa referato.

La dominikana patro *Claverie*, Univ. Prof. en Fribourg (Svis.) (Ni presigis

lian bildon en la aŭgusta numero de K. M.; Red.) parolis pri *Kristo, fonto de ĉiu homa aŭtoritato*. Kiel ĉie en la naturo regas ordo, tiel devas esti ordo ankaŭ en la homa socio. Sed la superulo kiel la subulo havas homajn malperfektaĵojn. Tial estas necese meti ordonadon kaj obeadon sub la aŭtoritaton de Dio, la sola perfektulo. Por ekzerci la ordonadon, estas necesaj tri kvalitoj: anima forto, saĝeco kaj boneco.



Univ. Prof. *Godehard Ebers* el Köln (Germ.) pruvis el la historio, ke la katolika eklezio kreis el la barbaraj gentoj de la granda Migrado de Nacioj la eŭropan kulturan unuon. Sed ĉi tiu nur povas konsisti, se la kristanaj principoj de universala solidareco ankaŭ en la internacia vivo estas denove plene apliklataj.

Redaktoro *D-ro Eberle* el Wien (Aŭstr.) klarigis en sia majstra parolmaniero, kiom grava por la katolikoj estas la konscio, ke per siaj katolikaj veroj ili posedas la plej valoran ilon ankaŭ por la bonfarto de la ŝtato. Ne kompromisoj, sed klaraj katolikaj principoj kondukos al la celo.

*D-ro Doka*, redaktoro de «Schweizerische Rundschau» el Zürich (Svis.), klarigis, ke la katolikismo kiel universala religio devas influi kaj gvidi ankaŭ la internacian vivon. Do estas devo de la katolika inteligentularo havigi al la katolikaj agadoj la necesan efikecon ankaŭ sur internacia kampo.

Profesoro *Müller* S. J. de la Komerca Akademio de Antverpeno (Belg.) faris tre aktualan paroladon pri la apliko de la kristanaj principoj en la *kolonia politiko*. Li bedaŭris, ke la katolikoj en la lasta tempo ne plu sufiĉe okupis sin pri tiu problemo, dum ke la katolikaj sciencistoj de la 16-a jarcento ĝuste sur tiu kampo donis al ni grandan aron da principoj kaj proponoj. Krom la justa maniero de la ekposedo de kolonioj la plej grava faktoro en la kolonia administrado estas, ĉiam zorgi por la vera bono de la indiĝenoj.

*P. Attard O. F. M.*, ĉefvikario de Alexandria (Egiptujo), raportis pri la *religiaj kaj misiaj rilatoj en Egiptujo*. *P. Basilio Monti* el Einsiedeln donis raporton pri la signifo de la gazetaro por la *afrikaj misioj* kaj rekomendis la subtenon de la Petrus-Claver-Sodalitato.

*Mgr. D-ro Madarasz*, urbparoĥestro en Budapest (Hung.), parolis pri la temo: *Kristo en la lernejo*. La ĉefaj frazoj estis: Sen moralo neniu eduko, sen religio neniu moralo! La parolanto montris la terurajn efikojn de la senreligiaj lernejoj precipe laŭ ekzemploj el Francujo. En la diskutado delegitoj ĉjulandaj postulis ĉie katolikajn lernejojn por katolikaj infanoj.

*Profesoro Pometta* de la pastra seminario de Lugano, kiu samtempe estis delegito de episkopo Bacciarini de Lugano, parolis pri *Kristo en la ekonomia vivo* kaj speciale akcentis, ke la kreo kaj konservo de la sociala justeco estas neebla sen moralaj-religiaj principoj.

Specialan atenton meritas *admona telegramo al la suferantaj katolikoj de Meksiko*, kiu estas disvastigita tra la gazetaro de la tuta mondo per la plej gravaj telegraf-kaj informoficejoj. F. Th.

Nia reprezentanto S-ro **Thömmes** sukcesis reteni kelkajn bildojn sur la fotografa plato. Sur la unua bildo ni vidas prelaton D-ron Pfeiffer el Košice kaj P. Carolfi. La dua bildo montras interparoladon de la protestanta universitata profesoro D-ro Hermelink kun la ĉefabato D-ro Staub de Einsiedeln. Ho, ke baldaŭ venu la tago, kiam realiĝos la parolo «*Unu* paŝtisto kaj *unu* ŝafaro».

Ĉar pli granda raporto pri la kongreso post kelkaj monatoj aperos kiel broŝuro, ni ne publikigas ĉi tie detalan raporton, sed kontentiĝas pri mallonga resumo de la kelktagaj intertraktadoj.

***Jam hodiaŭ ni elparolas la esperon, ke la sekvonta IKA-kongreso fariĝu okazaĵo, kiu havos tute specialan signifon por la katolika mondo!***

# Mallongaj sciindaĵoj katolikaj

**La nederlandaj katolikoj kaj la misioj.** Kiom fervore la nederlandaj katolikoj malgraŭ ilia malgranda nombro (2 milionoj) subtenas la misiojn, vidiĝas el la fakto, ke ili posedas ne malpli ol 39 misiogazetojn. 39 diversaj misiordenoj kaj societoj havas sian sidejon en Nederlando.



« *Semaine Sociale* » *en Le Havre* :
**Mgr. Du Bois de la Villerabel**
ĉefepiskopo de Rouen.

**Katolikoj kaj teatro en Usono.** Amerikaj ĵurnaloj raportas pri sukceso de katolika teatrobatalo. En la grandaj amerikaj teatroj en la lasta tempo preskaŭ ĉiutage aŭdiĝis blasfemoj kaj malsanktigoj de la nomo de Jesuo. Sub gvido de la pastro E. Callahan la organizitaj katolikoj de New-York unue protestis ĉe la teatrodirektoroj. Ĉi tiuj kulpigis la aŭtorojn, kiuj poste provis senkulpigi sin dirante, ke sen uzo de blasfemoj oni ne povas skizi realan vivon. Sed la katolikoj ne kontentiĝis pri tiaj frazaĉoj kaj minacis bojkoton. Tiu metodo sukcesis.

**En Meksiko** la batalo de la registaro kontraŭ la katolikoj ankoraŭ ne ĉesis. Okaze de la nunjara ĉefpilgrimo al la nacia sanktejo de Nia Sinjorino de Guadelupe 100.000 katolikoj demonstraciis kontraŭ la persekutoj de la registaro.

**La germana ministro por publikaj laboroj** estas D-ro Heinrich Brauns, kiu en la multaj ministroŝanĝoj de la lastaj jaroj ĉiam konservis sian postenon. Multaj ne scias, ke li estas katolika pastro kaj estis sekretario de la «Volksverein», la granda centra organizaĵo de la germanaj katolikoj. Li nun estas senĉese ministro en la 6-a ministraro.

# La nova vizaĝo

**De Josef Wittig**, trad. W. Solzbacher.

(Fino)

« Kaj kian spiritoplenan rakonton rakontis al vi la lunfalĉileto?

« Je la unua fojo kompreneble rakontis ĝin al mi mia avino: Iam estis ĉarma infano en la urbo; ĝi havis super sia lito bildon de la Plej Sankta Virgulino Mario sur la lunfalĉileto. Vi ja konas ĝin! Eble de Murillo. Ĉiufoje, kiam la infano vidis la lunfalĉileton je la ĉielo, ĝi komencis plori dirante: Jen certe la Dipatrino malsuprenfalis! Kaj kiam ĝi vidis Dipatrinostatuon — ho, en la vitraĵa ŝranko staris tute delikata Mario-statuo el blanka gipso, — ĝi tuj demandis: Ĉu mi povas reporti la karan Dipatrinon sur la lunon? Iumatene la patrino de la infano trovis la liton malplena. Ŝi serĉis kaj serĉadis, en la tuta domo, en la tuta ĝardeno, kaj ne retrovis la infanon. Ĝis kiam la trifolio jam estis kreskinta tute alta, tiam iu vilaĝano vidis ĝin naĝanta sur la lageto; kaj li tiris ĝin al la bordo, enlitigis ĝin el la verdan trifolion en sia veturilo kaj portis ĝin al ĝia patrino. Sed en sia mano ĝi havis, firme tenate per la rigidaj fingretoj, la blankan Dipatrinon el la vitraĵa ŝranko. Vidu! Kaj kiam mi nun foje vidas la lunfalĉileton tiel delikate kurvitan, mi ĉiam pensas: Tio do estas delikata kadreto, en ĝi devus esti Mariobildo! »

La fremda viro estis ĝoja, kiam mi ŝanĝis la vagonon en la tria stacio. Tiom da spirito li ne estus povinta toleri dum tuta tago. Sed mi iam rakontis la historieton al miaj infanoj en la lernejo. Ili dum kelkaj semajnoj ĉiam denove volis aŭdi pri ĝi.

Oni ne pensu, ke oni, ne vidante ion, nur per fantazio portas ĝin tien, kie oni dezira vidi ĝin. Ĝi ankaŭ povas esti tie, sen ke oni vidas ĝin kaj sen ke oni imagas ĝin. Aŭ ĝi estas tie, sen ke oni vidas ĝin, kaj oni kreas al si bildon. Stultuloj, kiuj nomas tion fantazio!

Iam mi veturis kun kelkaj italaj ŝipistoj iomete en la nokton de la Mediteranea Maro. Kiam la unua steleto ekbriletis je la firmamento, unu komencis kanti: « Ave maris stella ». Kaj la aliaj ankaŭ kantis. Kaj ili rigardis al la ĉielo, kvazaŭ tie vere estus videbla la kara Dipatrino, — rigardis al la stelo, kvazaŭ en ĝi eklumus ŝia sanktecobela vizaĝo. Ili vidis nenion ol la stelon, sed ĉi tiun ili tute ne vidis, ili nur vidis la mirobelan bildon de Mario. Kaj estis mirakla spirita kontakto inter la stelo kaj la okuloj de la ŝipistoj. Ho je Mario ili kredas, ili diris. La tuta maro kredas je ŝi, ili diris. Kaj kiam Mario tiom dolore ploris sub la kruco, venis vento kaj portis unu guteton en la maron. Depost tiam la akvo de la maro havas guston tiel maldolĉan kaj salan kiel larmo en granda doloro. Kaj ilia paroĥestro diris, ke la nomo Mario signifas « maldolĉeco de la maro ». Sed ĝi ankaŭ signifas « fianĉino de la maro », ĉar ja la maro depost tiam treege amas Marion, kaj ĉiu ŝipisto veturanta tra la maro.

Sed estis etendita velo super la ŝipeto, en kiu ni veturis. Ĝi nun elradiis ĉiun lumon, kiun ĝi dum la tuta tago ensorbis. Kaj ĝi estis tiom gracia kaj delikata, tiom ĉarme volbita, tiom dolĉe moviĝanta, ke ĝi havis ion tute virgan. Kaj ĉar mi ankaŭ volis ion diri al la ŝipistoj, mi rakontis al ili, ke ni germanoj nomas Marion Diŝipeto. Ĉi tio veturas sur la vasta maro de nia vivo kaj portas dolĉan ŝarĝon; la Dian infanon ĝi portas, kaj la Sankta Spirito mem movas la delikatan, blankan velon. Ho, kiom ili miris! Kaj kial ni ankoraŭ ne faris kanton pri ĝi?

# Kontraŭ la deviga militservo !

70 eminentaj gvidantoj de la kultura, literatura, scienca kaj politika vivo de ĉiuj nacioj publikigas alvokon kontraŭ la militservodevo. Inter ili troviĝas la aŭstra ekskanceliero prelato D-ro *Seipel* kaj nia amiko P. *Stratmann* O. P. La tekstoj en la diversaj lingvoj ŝajnas iom varii. Ni tradukas laŭ la angla teksto.

Dum la milito homoj en ĉiuj landoj decidis forĵeti por ĉiam la jugon de la militarismo, kaj, kiam la paco venis, la Ligo de Nacioj estas salutita kiel portanto de tiu espero. Estas nia devo zorgi, ke la terura sufero de la milito ne revenu !

Ni postulas vere decidan paŝon al kompleta senarmigo kaj precipe moralan senarmigon inter la civilizitaj nacioj. La plej efika ilo por tio estus la universala forigo de la deviga militservo. Ni tial petas la Ligon de Nacioj, proponi la ĉesigon de deviga militservo en ĉiuj landoj kiel unuan paŝon al vera senarmigo.

Ni kredas, ke armeoj bazitaj sur ĝenerala militservodevo kun sia granda aro da profesiaj oficiroj estas grava minaco al la paco. Deviga servo estas subigo de la homa personeco kaj neniigo de la libereco. Kazerna vivo, soldata drilo, blinda obeo al komandoj, kiom ajn maljustaj kaj sensencaj ili estas, la tuta sistemo de ekzercado al mortigo, forigas la respekton por la individuo, por demokratio kaj homa vivo.

Homa indeco estas senbazigata, kiam oni devigas homojn oferi siajn vivojn, aŭ mortigi kontraŭ ilia volo aŭ sen kovinko pri la justeco de ilia agado. La ŝtato, kiu sentas sin rajtigita devigi siajn anojn iri en la militon, neniam estimos la valoron kaj feliĉon de iliaj vivoj en paco. Ankaŭ per deviga militservo la militarista spirito de atakemo estas inokulita al la tuta vira loĝantaro en la aĝo, kiam la homoj estas plej facile influeblaj. Per ekzercado por la milito la homoj komencas konsideri la militon neeviteblan aŭ eĉ dezirebla.

Per la universala forigo de la deviga militservo, milito fariĝos malpli facila. La registaro de lando kun deviga militservo facile povas deklari militon, ĉar ĝi povas silentigi la tutan popolon per mobiliza ordono. Kiam la registaroj por helpo devas dependi de la libera konsento de siaj popoloj, ili tute nature devas esti multe pli singardaj en sia ekstera politiko.

En la unua projekto por la konstitucio de la *Ligo de Nacioj*, prezidanto Wilson proponis malpermesi devigan militservon en ĉiuj aliĝontaj landoj. Estas nia devo restarigi la originan spiriton, kiu kreis la Ligon, spiriton de multaj, kiuj batalis en la milito, kaj spiriton konfesitan de multaj politikistoj ĉiulandaj. Per universala forigo de la militservodevo ni povas fari fortan paŝon al paco kaj libereco. *Ni do alvokas ĉiujn virojn kaj virinojn de bona volo, ke ili helpu krei en ĉiuj landoj publikan opinion, kiu igos la registarojn kaj la Ligon de Nacioj fari tiun decidan paŝon, por liberigi la mondon de la spirito de militarismo kaj por malfermi la vojon al libereco en la nacioj kaj al frateco internacia.*

C. F. Andrew (Hindujo) ; **Norman Angell** (Anglujo), Selma Antilla (Finnlando) ; **Henri Barbusse** (Francujo) ; A. Mendelssohn Bartholdy (Germanujo) ; Annie Besant (Hindujo); Dr. theol. **Natanael Beskow** (Svedujo) ; Lt.-Gen. G. J. W. Koolemans Beynen (Nederlando); Dr. Ctibor Bezdek (Ĉeĥosl) ; Margaret Bondfield (Angl.) ; **Martin Buber** (Germ.); **Edward Carpenter** (Angl.) ; Prof. Dr. Frans Daels (Belg.) ; eksgeneralo Berthold von Deimling (Germ.) ; **Miguel de Unamuno** (Hisp.); **Georges Duhamel** (Franc.) ; Gustave Dupin (Franc.); Emile Ehlers (Belg.) ; **Prof. Albert Einstein** (Germ.); Major Franz Carl Endres (Germ.); Prof. August Forel (Svis). ; Maikki Friberg (Finnl.); **Mahatma K. Gandhi** (Hind.) ; Prof. Edward Geismar (Dan.) ; Lucina Hagman (Finnl.) ; Pierre Hamp (Franc.); Prof. G. T. Heering (Nederl.), Dr. Friedrich Hertz (Aŭstr.); Prof. Felix Iversen (Finnl.); Prof. Dr. phil. Dr. litt. Otto Jespersen (Dan) ; Dr Luis Jiménez de Asua (Hisp.) ; Toyohiko Kagaw (Japan.) ; + Ellen Key (Sved.) ; **grafo Harry Kessler** (Germ.) ; Chr. L. Lange (Norv.) ; **George Lansbury** M. P. (Membro de la Parlamento)(Angl.); **Carl. Lindhagen** M. P. (Sved.) ; Reichstag-prezidanto **Paul Löbe** (Germ.) ; Prof. Dr. Jos. Macek (Ĉeĥosl.) ; Prof. Dr. G. Maranon (Hisp.) ; Victor Margueritte (Franc.) Pavla Moudrà (Ĉeĥosl.) ; Lady Marian E. Parmoor (Angl.) ; Georges Pioch (Franc.) ; **Arthur Ponsonby** M. P (Angl.) ; Prof. Dr. Em. Radl (Ĉeĥosl.) ; Prof. Leonhard Ragaz (Svis.); Lajpat Rai (Hind); Prof. Dr. K. H. Roessingh (Nederl.); **Romain Rolland** (Franc.) ; Bertrand Russel (Angl.) ; General-Major a. D. F. von Schönaich (Germ.); Oskar von Schoultz (Finnl.) ; **Dr. Ignaz Seipel** (Aŭstr.) ; Hilda Seppälä M. P. (Finnl.) ; Robert Smillie M. P. (Angl.) ; Philip Snowden. M. P. (Angl.) ; **Patro Franziskus M. Stratmann** O. P. (Germ.) ; Prof. Dr. Emil Svoboda (Ĉeĥosl.) ; Helena M. Swanwick (Angl.) ; **Rabindranath Tagore** (Hind.) ; Prof. V. Tarkiainen (Finnl.) ; **Fritz von Unruh** (Germ.) ; Prof. Dr. Karel Veleminsky (Ĉeĥosl.); Generalo Verraux (Franc.) ; Elin Wägner (Sved.) ; + U. Wegelius (Finnl.) ; **H. G. Wells** (Angl.) ; **Mathilda Wrede** (Finnl.) ; Jindriska Wurmova (Ĉeĥosl.).

## ANONCETOJ

**Atentu, IKA-anoj el okcidenta Germanujo !** La 17 oktobro estos en Essen grava kunveno, al kiu ni jam hodiaŭ invitas niajn multnombrajn geamikojn. La programo enhavas raportojn pri Einsiedeln, Münster kaj Bierville. Pri detaloj oni ankoraŭ informos.

# Ĝenerala ekkono de Dio

El la plej rekomendinda verko de REINKE, « Naturscienco, mondkoncepto, religio » kun afabla tradukpermeso de l'eldonejo Herder u. kio., Freiburg en Baden.

Laŭ la rezultoj de l'komparanta religiesploro la Dioideo radikas en la kapoj kaj koroj de ĉiuj konataj popoloj de la terglobo, ĉu iom kaŝite, ĉu montrante sin evidentege. La lasto koncernas precipe iliajn science klerigitajn pensulojn de la antikva ĝis nova tempo ; sed ankaŭ por naturpopolo, kia estis iam la ruĝhaŭtuloj de Ameriko, lumadas sur ĉiuj ĝiaj vojoj la « Granda Spirito » kiel plej alta potenco. Ĉi tiu ideo, ĉi tiu penso baziĝas la observon de kreanta forto en la naturo, ĝi estas la idealigita konkludo el la ĉiutagaj observoj de l'vivo, ke malantaŭ la videblaĵo devas stari ankoraŭ nevideblaĵoj. La politeismo poezie personigas la en la kreanta naturo efikajn unuopajn fortojn. La fetiĉo ne jam estas Dio, sed nur instrumento de la Dieco, peranto inter Ĝi kaj la homo. La fundamenta ideo de l'Dia konscio estas monoteista.

Agiĝas do ĉi tie ne pri la idolkulto de idolanaj naturpopoloj, sed pri la ĉiun idolkulton superbrilanta ĝenerala ideo pri majesta plej alta, inteligenta estaĵo, kiu enloĝas la bruston de ĉiu natura homo. Emanuel Geibel pensas al tiu ĉi plej alta ideo de la Dieco, dirante :

Lin, per mil bildoj honoratan,
Neniu bild'similas Lin,
Vin, de mi ĉiam bezonatan,
Ho, kiel mi komprenas vin !

Max Müler resumas la rezulton de siaj multampleksaj esploroj sur la kampo de l'komparanta religiscienco per la vortoj : « La Dioideo kun nepreco ekestas en la homa spirito. » Se tio ĉi estas vera, se ĉiuj homoj kaj gentoj de el naturo havas en si la Dioideon, tiam ĝi devas esti enplantita de la Kreinto en ilian animon samkiel al ĝi estas enplantitaj la racio, la konscienco, la volo. Tial ankaŭ la plejalt-kleruloj de ĉiuj tempoj kiel Sokrates, Plato, Aristoteles, Friedrich. d. Gr. (la Granda) ne povis deteni sin de tiu ĉi ĝenerala Dioideo. La laste nomita diras : « Ĉio ĝis la radikido de planto pruvadas la Diecon. » Krom multaj aliaj eldiroj de la granda rego jam ĉi tiu parolo atestas, kiom malproksima de l'ateismo estis lia cetere tiom skeptika menso.

Ankaŭ nia sento por poezio, nekonata al la bestoj, fariĝas por ni fonto de l'Diokredo. Estas nur alia parolturno, se ni anstataŭ la en naturscienco uzataj ideoj de l'neceseco kaj leĝo parolas pri Dia volo. Sed volo, decido kaj ago ĉe Dio koincidas, kontraŭe ĉe la homo ili estas disigendaj.

Ĉu Dioideo kaj Diosento estas aksiomo, t. e. bazo, aŭ ĉu ili estas libera kreo de l'homa spirito ? Lastkaze la Dioideo povus fariĝi fikcio. Ĉi tio nepre estas rifuzenda, tuj kiam ni per la penseksperimento de l'analogikonkludo daŭrigas la induktadon el la fizika en la metafizikan sferon. En la natursciencoj la indukto kondukas de l'empirio al la leĝo ; en la metafiziko ĝi kondukas pli alten de la leĝo al la ideo de l'Leĝdonanto, al la Dioideo. Ĉe Linné, Liebig, kaj eĉ ĉe Darwin kreado de l'vivo de Dio estis ankoraŭ aksiomo, ankoraŭ bazo. La en la antaŭa ĉapitro farita indukto al Dio pere de l'analogikonkludo devigas al la konvinko pri ekzisto kaj efikeco de Dio ankaŭ tiun, kiu tute senantaŭjuĝe entreprenis tian logikan esploron. Tial Max Steiner eraras, dirante : « La fizikoteologio neniam estus ekestinta sen religia partieco. — Oni ne kredas je Dio, ĉar Li malkaŝas sin en la naturo, sed li malkaŝas sin en la naturo, ĉar oni kredas Lin. » Samrajte oni povus aserti : al ateismo nur tiaj pensuloj povas kondukiĝi, kiaj de l'infaneco ne kredis je Dio ; kaj tamen eble ĉiuj ateistoj estis iam kredantaj en la infaneco. Kelkiu, kiel Haeckel, speciale ĉi tion certigis.

Ke Kant pro logikaj motivoj dialekte kontraŭbatalis ne pruvojn, sed nur argumentojn por la ekzisto de Dio, kaj ke ankaŭ lia propra « morala Diopruvo » konsistas nur el arta persvado, jam estas akcentite. (Noto : Laŭ populara esprimmaniero oni certe ankaŭ estonte nomos tiajn argumentojn « pruvoj ». En tiu ĉi senco mi bonvenigas la multvaloron libron de Viktor Kolb S. J. " Die Gottesbeweise ,,. La Diopruvoj, Graz 1921 ). Se ĉiam denove asertiĝas, ke la kaŭzeco kaj la kaŭza interrilato sole apartenu al nia intelekto, tiam ankaŭ ĉi tio ĝuste laŭ Kant'a ekkonoteorio estas eraro, ĉar laŭ Kant la "fenomenoj,, ekestas per tio ke la " Dinge an sich ,, ( " aĵoj per si mem ,, — la nespertebla, transcenda esenco de la aĵoj) transefikas el la metafizika en la fizikan sferon, impresante aŭ " afekciante ,, la nervopintojn de niaj sentorganoj. Ĉiu alia interpretado de la Kant'a ekkonoteorio estas artifika ; ĉi tiu lia koncepto ne povas esti neata. En la ekkonoteorio de Berkeley la tuta transcenda mondo estas identigata al Dio kaj Tiu ĉi nomata la Kaŭzo de ĉiuj niaj imagoj. Sed se ni volus starigi la Dian ideon nur kiel homan pensaĵon, tiam Dio kun la morto de l'homo kaj almenaŭ kun la ekstermo de l'homa gento malaperus kiel paliĝanta nebulstrio. Tia Dio ideo estus ne nur senvalora, sed ankaŭ nura fantomo, ĉiutempe nuligebla ; ĝi diferencus tial ne multe de l'ateismo.

Per sia spirita naturo la homo fariĝas Diserĉanto, kion atestas Fr. Hebel per jenaj versoj :

Belegan emon do ricevis mi
Al esplorado de l'plej alta Di',
Kaj min, estantan mem nur nedaŭrema,
Regalas fonto, ĉiam produktema !

Trad. Ew. Brenken, Bochum.

# Kiel vian propran lingvon vi parolas Esperanton!

Uzu nian bonegan Esperanto-literaturon! -- Jam en tria eldono post mallonga tempo aperis en nia eldonejo:

## ★ Esperanto ★

**Sprach-und Uebungsbuch für Schule und Haus de D-ro L. L. Zamenhof,**
kunmetita de direktoro **J. Schamanek,**
lektoro por Esperanto ĉe la Teknika Akademio de Wien, membro de la ŝtata ekzamenkomitato por Esperanto.

**3-a eldono — prezo Rmk. 0.80, ŝilingo 1. —**

Per ĉi tiu lernolibro en Aŭstrujo ŝtate rekonita kaj enkondukita en multajn lernejojn, Esperanto-kursoj per Radio estas gviditaj kun granda sukceso. Por ĉiu Esperantisto bonega helpilo, por plene posedi la lingvon.

## Katolika Preĝlibro

**Esperanto-preĝlibro de P. M. Carolfi broŝ. Rmk. 0.80, S. 1. - bind. Rmk. 1.40, S. 1.75**

La plej bona kaj riĉenhava katolika preĝlibro en Esperanto. La preĝoj estas ekzaktaj tradukoj de la eklezia-liturgia Meso, de la Vesperoj kaj Psalmoj kaj devus esti en la mano de ĉiu katolika Esperantisto.

## Garboj de **Karl Tauchmann,**

Prezo Rmk. 1.— Ŝilingo 1.20. Tradukoj de rakontoj de konataj klasikistoj, popularaj aŭtoroj kaj fabelrakontistoj.

## Die bisherigen Erfolge der Welthilfssprache Esperanto auf der ganzen Welt.

de **Proelss-Sappl.**

**3-a eldono. Broŝ. Rmk. 1. — Ŝil. 1.20; bind. Rmk. 1.50, Ŝil. 2.—**

Interesa libro rakontanta pri la historio, gramatiko, disvastigo de Esperanto kaj informanta pri ĉio sciinda.

**Postulu la liston de nia Esperanto-literaturo!**

# Paulus-Verlagsanstalt | Graz (Aŭstrujo)

---

**Por la Skribtablo**




**Inko Pelikan**

**Agrable facilfluanta**

Postulu prospekton esperantan kaj senkostan specimenon de la fabrikanto
GÜNTHER WAGNER
Hannover [Germanujo] kaj Vieno [Aŭstrio]

---

**- CANNES -**
FRANCA RIVIERO

∇

**Pastro, Profesoro Laŭreato de la franca Akademio acceptas en**

**FAMILIO - PENSIONON**

junulojn kaj sinjorojn, kiuj volas lerni francan lingvon en *Francujo* mem. Ankaŭ estas akceptatoj junuloj, pastroj sinjoroj, kiuj pro sia sanstato aŭ pro alia kaŭzo bezonas restadonĉe la Riviero.

**Sunbanoj - Marbanoj - Familia vivo**

Malfermata dum la tuta jaro
Por prospektoj aŭ informoj skribu al
**Villa de Lorrière, CANNES, Franc.**

---

**- Janus-Epidiaskop -**

**( D. R. Patento n-ro 366044 kaj eksterlandaj patentoj )**

La gvidanta, milope provita kaj bonege juĝata elektra lampobildprojekciilo por projekciado de

**Paper kaj vitrobildoj**



Kvalitoj: plej simpla manipulado mirinda sukceso / moderaj prezoj

Liverebla kun objektivoj ĝis plej altaj postuloj kaj por distancoj de 4 ĝis 9 metroj Ankaŭ uzebla kiel « Universal-Bildprojekciilo » kun adaptoj por mikro, kino, bildrubando, vertikalo, eksperimentoj, lumjetilo.

**Ed. Liesegang, Düsseldorf**

Listo senpaga! GERM., Postfach 124

---

**Ĉiu leganto** havas la devon varbi novajn abonintojn

---

**Memstara mastrumino** bonkatolika, sperta, daure serĉata de vido kun 13 jara knabino. Ŝi devas fari mem ĉiujn domlaborojn, lavi ( maŝine ) kudri tolaĵojn kaj knabinajn vestaĵojn, densigi legomojn kaj fruktojn, prizorgi ĝardeneton k. t. p. Inoj, kiuj serĉas kaj komprenas aranĝi agrablan hejmon kaj estas sana, infanama, ŝparema, praktika, sendu tuj vivopriskribon kun atestkopioj referencoj, sciigon kiam komenci kaj salajrdeziron al "**Strauch,** urba supersekretario, **Bottrop** (ĉe Essen) Helenenstrasse: 12/14 ,,.

**KIOM DA ABONANTOJ vi jam varbis por KATOLIKA MONDO**

---



**Nerusteblajn Manĝilojn**

de la simpla ĝis

la elegantega fabrikaĵo, plej bona kvalita de Solingen, liveras por privatuloj kaj institutoj

**Jos. Friedr. Becker**
**ELBERFELD**
**(Germ.) Griffienberg. 46**

☞ *Demandu specimenojn*

---

**UNUAKVALITAJN**

**Bronzo-Sonorilojn**

liveras **Gebr. BACHERT**

**KARLSRUHE i. B. (GERM.)**

**En Portugalo** per nova dekreto la Eklezio estas rekonita jura persono.

**Katolika episkopo en Meksiko** mortis en la malliberejo de Vera Cruz !

**La plej maljuna episkopo de la mondo** ŝajnas esti Mgr. Redwood, episkopo de Wellington en Novzelando (New-Zealand). Li estas 86-jara. Li fariĝis episkopo, kiam li estis 34-jara kaj tiam estis la Benjameno de la episkopoj. Malgraŭ sia alta aĝo li partoprenis la Eŭkaristian Kongreson de Chicago.

**Ekspozicio de mariana arto** okazis en Bruges (Belgujo) kun pli ol cent statuoj, bildoj, kantoj ktp. pri la Plej Sankta Virgulino. La plej granda parto de la dokumentoj tie montritaj ĝis nun estis tute nekonata. Ĉiuj estis konservitaj en Bruges mem. Ili donis en belega, kelkfoje iom naiva, tamen ĉiam impresa maniero ateston de multcentjara honorado de la Dipatrino.

**En Nederlando la nova ministraro** prezidata de Jonkheer de Geer proponis al la parlamento, ke oni konservu la ambasadorejon ĉe la Sankta Seĝo en Romo. Sed la dua ĉambro denove per 48 kontraŭ 41 voĉoj rifuzis la krediton. Do baldaŭ la nederlanda ambasadoro foriros de Romo. Tio tamen ne signifas ĉesigon de la diplomataj rilatoj, kaj la apostola internuncio restos en Hago.

**La respubliko San Marino** depost aprilo nunjara troviĝas en diplomataj rilatoj al la Sankta Seĝo, grafo Manassei di Collestatte estas ĝia delegito en Romo.

**En Polujo** okazis nacia kongreso de la katolikoj de la 28 ĝis la 30 aŭgusto. La ĉeftemo diskutita estis la katolika familio kaj la edukado de la junularo. Samtempe oni festis jubileon de Sankta Stanislas Kostka, kies relikvoj estas transportitaj de Plock al Rostkow, lia naskiĝurbo.

**La meksikaj episkopoj** eldonis komunan cirkuleron, kiu admonas ĉiujn katolikojn de la lando, ne ĉesi al la persekutoj de la registaro kaj daŭrigi la reziston.

**Ĉefepiskopo P. Dionysius Schuler O.F.M.** iama generalo de la franciskana ordeno, mortis en la monaĥejo Gorheim ĉe Sigmaringen (Germ.)

# La franca "Sociala Semajno„ en Le Havre



Ĉiujare la francaj katolikoj kunvenas en preskaŭ oficiala « Semaine Sociale », kie eminentaj profesoroj kaj teologoj prelegas pri aktuala temo de la sociala vivo. La 18-a kunsido de tiuj Socialaj Semajnoj okazis de la 2 ĝis la 8 aŭgusto nunjara en Le Havre. La temo estis : *La internacia vivo*. La elito de la franca katolikaro ĉeestis, precipe multnombraj estis la junaj pastroj, kaj la aktuala temo estis alloginta multajn eksterlandanojn el preskaŭ ĉiuj eŭropaj landoj kaj eĉ el Usono, Kanado, Meksiko, Hindujo kaj Ĥinujo. La prezidanto de la nunjara Sociala Semajno estis *Mgr. Du Bois de la Villerabel, primato de Normandio, ĉefepiskopo de Rouen*. (Nia Elberfelda amiko Thömmes sukcesis fari lian fotografaĵon, kiun ni publikigas sur la dua paĝo de ĉi tiu numero. Red.) En la granda fina demonstracio parolis i. a. Kardinalo Dubois de Paris, krome ĉeestis la episkopoj de Arras, Agen, Bayeux kaj Lisieux kaj Mgr. Bidwell, helpepiskopo de Westminster (Anglujo).

La bonegaj paroladoj montris la integralan katolikan doktrinon pri la internacia vivo, vidigis, kiamaniere la katolikismo komprenas kaj harmoniigas la nacian devon kaj la internacian devon, kiamaniere en la historio la katolika eklezio laboris por la paco, montris la Ligon de Nacioj kaj ĝian funkciadon kaj la aliajn formojn kaj instrumentojn de internacia kunlaborado. La plej grava parolado estis sendube tiu de *Mgr. Julien, episkopo de Arras, pri la tradicia doktrino de la Eklezio pri la reguloj de la internacia vivo en milito kaj paco*. Klare kaj precize li formulis la katolikan instruon laŭ sankta Aŭgusteno kaj Sankta Tomaso kaj laŭ la famkonataj mezepokaj teologoj Victoria kaj Suarez. Elokvente li parolis kontraŭ la milita spirito kiun li nomis « antikva barbaraĵo », kaj kondamnis la militon, ĉar « la milito, eĉ la justa milito, povas esti evitata ». « La Regno de Kristo estas la Regno de la Paco. La katolikoj devas esti ĝiaj gardantoj kaj disvastigantoj ». (Nia reprezentanto sukcesis fari fotografaĵon dum la parolado de Mgr. Julien. Vi vidas ĝin hodiaŭ en K.M.; Red.)

Ĉe ĉiuj partoprenantoj de la Semajno montriĝis vere pacema, katolika spirito. Precipe en la specialaj kunvenoj, ekz. de la amikoj de la «Bulletin Catholique International», de la Asocio Katolika de la Franca Junularo, de la « Sillon Catholique », de la « Jeune République » ktp., oni multe parolis pri la ĉefa tasko de praktika paca laboro : franca-germana repaciĝo. Kaj oni multe aplaŭdis la germanajn gastojn ĉeestantajn.

Ankaŭ por Esperanto, dank'al la preparoj de nia kunredaktoro Prof. Muffang, oni sukcese propagandis. Niaj francaj amikoj Pierre Muffang kaj Charles Gravey, helpate per niaj germanaj amikoj Thömmes kaj Solzbacher, disdonis 400 propagandilojn por Esperanto kaj varbis por IKA kaj « Katolika Mondo ». Resumo de la parolado de episkopo Julien eble aperos en nia gazeto.

---

La kanton ni havas, mi diris, sed mi ne povas kanti. Tiam mi diru ĝin, ili petis. Vera kanto ĉiam estas kanto, eĉ kiam nur la ventoj ĝin blovas aŭ la ondoj ĝin murmuras.

Tiam mi tradukis al ili per la tuta forto de mia itala lingvoscio la kanton de Taŭler, kiun mi konis el nia lerneja legolibro :

Jen venas ŝip', ŝarĝita
Ĝis la plej alta stri' ;
Alportas la Difilon,
Eternan veron, ĝi.
Sur la silenta vojo
Venas la ŝip' al ni ;
Alta reĝin', kun ĝojo
Gracbenon portas ŝi.
Mallaŭte iras pramo
Kun sankta la balast'.
La velo estas amo,
Sankta Spirit' la mast'.

Estis kvazaŭ vespera diservo sur la velboato, maja preĝo en la nokto. La boato mem nun havis ion sakramentan. La plej maljuna el la ŝipistoj, kredeble la posedanto, kisis la maston kaj karesante tuŝis la velon. La ŝipeto estis ricevinta alian rigardatecon, kaj denove la vizaĝo de pecet oda tero estis renovigita per la Sankta Spirito. Kiam ni revenis al la marbordo, la maljuna ŝipisto redonis al mi la du lirojn, kiujn mi pagis por la veturado. Depost tiam la bildo de Aŭgust Schädler « Ave Maris Stella » estas unu el miaj plej karaj bildoj. Ĝis kiam mi vidis la bildon de mia pentristo Hans Franke sur la ĉefaltaro de la kapelo de Sankta Rafaelo en Hamburg.

Jen estas tio, kion Taŭler kuraĝis en vortoj, ripetita en bildo, kaj en la bildo ĝi estis eĉ pli granda kuraĝaĵo. « Jen venas ŝip' ŝarĝita ». Mario mem estas la ŝipo. Ŝia virga korpo envolvita en malhelan mantelon dividas la maron de la stela nokto kaj en la mantelvolbaĵo senfine dolĉe portas la luman infaneton. Tiom certe iras tiu mirinda ŝipo kun sia Dia ŝarĝo, tiom tute akordiĝas la linioj de la virina korpo kun tiuj de la velŝipoj videblaj en la flankajo de la triparta bildo, tiom solena kaj dolĉa estas la stela nokto, ke la elmigranto, kiu tie je la lasta fojo preĝas antaŭ altaro de sia hejmlando, devas pensi, ke la hejmlando akompane donas al li sian plej belan, la malnovan pie germanan Mario-kredon, kiu bone gardos lin kaj akompanos lin en la fremdan landon tra la vasta, vasta maro kaj tra la multaj noktoj, — ke li devas preĝi : « Ho, portu min tiel, kiel vi portas la infaneton, sur via patrina brako, en la volbaĵo de via mantelo ! » Li supreniros al la ŝipo, li veturos per velo kaj vaporo, sed li scios, per kiu li estas portata. La vizaĝo de la tero estas al li renovigita per la Sankta Spirito.

Ĉie, ĉie la nova rigardateco de la tero havas ion Marian. Estas vere, kiam la katolika eklezio nomas Marion la unuenaskitino de la novkreaĵo de la tero per la Sankta Spirito. Ĝi estas pli ol nura alegorio. La pentristoj ĝin scias. Kiam ili volis pentri knabinon aŭ patrinon el la tempo de l'savo, ŝi preskaŭ ĉiam fariĝis Madono. Eĉ se ili donas al ŝi la vestaron de laboristino aŭ ŝipistidino, eĉ se ili metas bluan kafopoton je ŝiaj piedoj, eĉ se ili pentras malantaŭ ŝi germanan riveron aŭ fabrikon, ili ne povas malhelpi, ke la nova vizaĝo tamen eklumas, la Maria vizaĝo. Dankon al Dio ! La savo de la tero ne estas dogma esprimo, sed klare videbla viva fenomeno. Sed oni ne nur devas havi orelojn por aŭdi, sed ankaŭ okulojn por vidi.

FINO

## Papo Leono XIII pri la deviga militservo

Ni publikigis la alvokon kontraŭ la deviga militservo. Nur malmultaj subskribintoj estas katolikoj. Sed komparu, kion jam la granda papo Leono XIII-a diris pri la sama problemo :

« — *Ne ekzistas pli grava celado ol la defendo de Eŭropo kontraŭ la danĝero de milito, kaj ĉio, kio okazas por tiu celo, devas esti konsiderata kiel servo je la publika bono.*

Sed por restarigi la konfidon al trankvilaj tempoj, ne sufiĉas la deziro kaj la nura volo. Ja amasoj da soldatoj kaj senfinaj militarmadoj povas reteni por kelka tempo la eksplodon de militaj atakoj, sed certan kaj daŭran sendanĝerecon ili ne donas. Male armiloj minace montrataj taŭgas pli multe por kaŭzi suspekton kaj konflikton ol por forigi ilin ; ili plenumas la spiritojn per zorgo kaj timo pri la estonteco kaj precipe havas la malutilon, ke sur la dorson de la popoloj estas metataj ŝarĝaĵoj, kiuj ofte estas eĉ pli netolereblaj ol la milito. » (parolado, 12 februaro 1889).

« En kia situacio nun troviĝas Eŭropo, estas evidente kaj klare al niaj okuloj : depost longaj jaroj ni nur plu vivas en pseŭdo-paco. Kaj ĉar la homoj ne plu konfidas unu al alia kaj la suspektemo enradikiĝis en iliaj koroj, nun sendube preskaŭ ĉiuj nacioj nur plu klopodas en militaj armadoj superi unu la alian. Pro tio la junaj preskaŭ senspertaj viroj estas forŝiratai el la zorgo kaj kontrolo de la gepatroj kaj estas puŝataj en la danĝerojn de la kazerna vivo. En la plej bona aĝo tiuj junaj homoj estas devigataj ĉesigi sian profesion por certa tempo, estas devigataj foriri de la agrikulturo, studado, metio kaj komerco, por eniri la armeon. Tial ankaŭ, kiel estas facile kompreneble per la grandegaj kostoj, la ŝtata posedaĵo estas elĉerpita, la privataj personoj havas multajn perdojn. Jam nun la situacio estas tia, ke *oni ne plu povas toleri la armatan pacon. Aŭ ĉu tia stato de homa kunvivado povas esti natura ?* (Encikliko « Praeclara », 20 junio 1894).

## Grava Sciigo al la Legantoj !

**De la 1 oktobro K. M. povas ankaŭ esti abonata per la poŝto.** Abonoj jam povas okazi depost la 15 septembro ĉe la poŝtoficejoj de la diversaj landoj. Por mendoj el negermanaj landoj la nomo de la eldoneja urbo devas esti nomata, do Katolika Mondo, **Elberfeld** (Germ.). Oni povas aboni por ĉiu unuopa monato. Tamen ni rekomendas aboni K. M. almenaŭ por unu kvaronjaro. La trimonata abonprezo estas 1.25 svisaj frankoj aŭ samvaloro en alia valuto. Kiu ĝis nun jam regule abonis K. M., ne devas aboni ĉe la poŝto, li plu ricevos la gazeton sub banderolo de la eldonejo. Sed tio validas nur por tiuj legantoj, kiuj pagis la plenan abonprezon por 1926. **Ĉiu do ekzamenu sin, ĉu li jam sendis sian modestan abonprezon ! Se ne, li pagu tuj !**

Erare en la lasta numero denove troviĝis la malnovaj **poŝtĉekaj kontoj.** Nur nur plu estas validaj la kontoj videblaj sur la kapo de nia gazeto. La titolo estas simple : Katolika Mondo. Elberfeld. El landoj, kie ni ankoraŭ ne havas poŝtkontojn, oni devas pagi direkte al Elberfeld per monbileto en letero aŭ poŝtmandato.

## Leterkesto

**Al multaj**, kiuj demandis pri poŝtabono : Vidu la « Gravan Sciigon » en la hodiaŭa numero !

**Al multaj, kiuj skribis al la redaktoro :** Havu iom da pacienco, mi dronas en laboro !

**Pri Bierville** ni raportos en la oktobra numero. Jam nun publikan dankon al ĉiuj anoj de IKA kaj MOKA, kiuj tiom bone helpis en nia Esperanto-propagando.

« **La Juna Batalanto** » (4- a num.) aperos en oktobro.

**L.F. en K., St. B. en B., kaj aliaj :** Vi ĝoje konstatas, ke K. M. estas sur «leviĝanta vojo». Bone nia vojo estonte eĉ pli rapide leviĝos, se vi kaj ĉiuj niaj legantoj volas — kaj helpas !







# Recenzejo

**Sanctissimi Domini Nostri Pii Divina Providentia Papae XI Litterae Encyclicae de Sancto Francisco Assisiensi Septingentesimo ab Eius Obitu Exeunte Anno.** (30 aprilo 1926 : « Rite Expiatis ».) Latina teksto kaj germana traduko. 8°, 60 pg, Freiburg i. Br. 1926, Herder. RM 1,80.

Herder eldonas en bonega ekstera aspekto la enciklikon « Rite Expiatis » pri Sankta Francisko de Assisi. Jam Benedikto XV-a nomis lin patrono de la « Katolika Agado » ; li estu ankaŭ patrono de nia movado. Legu la enciklikon !

**Carolus Frank S. J., Philosophia Naturalis,** 3-a parto de la « Cursus Philosophicus in Usum Scholarum ». Freiburg 1926, Herder, XVI + 366 pĝ., bind. RM 7.50.

Vere klasika verko en bonega por fakulo facile komprenebla latina lingvaĵo. Kun vere jesuita metodeco kaj klareco ĝi traktas la vastan problemaron. Kun speciala intereso mi legis la duan parton, kiu traktas pri la evoluo de la vivo kaj refutas la teoriojn de Darwin kaj Lamarck.

**Christianus Pesch S. J., Compendium Theologiae Dogmaticae.** Tomus I : De Christo, Legato Divino ; De Ecclesia Christi ; De Fontibus Theologicis. Tria eldono. Freiburg 1926, Herder, 12 + 312 pĝ.

Profunda, scienca kompendio de la dogmatiko verkita laŭ strikte skolastika metodo. Ankaŭ ĉi tiu libro estas skribita en latina lingvo, tamen ne tiom simpla kaj facile komprenebla kiel la antaŭa. Kiam oni eldonos similajn verkojn en Esperanto ?

W. S.

**Heinrich Fassbinder. Vor dem Sommer,** Libro de l'anima matureco por niaj estontaj virinoj. Dua kaj tria eldono, 100 pg. Freiburg 1926, Herder Tolbind. R M 3,60.

Jam multaj libroj eliris, kiuj pritraktas la animvivon de la virino. Tamen certe neniu egalas al « Vor dem Sommer » ( « Antaŭ la Somero » ). En tri ĉefpartoj ĝi direktiĝas kontraŭ la malbonaĵoj de nia nuna tempo kaj montras al ni la ĝustan vojon por eduko de l'personeco, vidigas al ni la virinon estantan kaj agantan en la komunvivo. La imito de Jesuo sur la reĝa vojo de l'kruco estas la sola kaj korekta ilo al ĉi tiuj majestaj celoj. La libro kun la profundaj pensadoj, vestitaj en klaran, bonstilan, animplenan lingvaĵon, estas rekomendinda al ĉiu klera estonta virino.

Grete Fischer.

« **Naturwissenschaft, Weltanschauung, Religion** » ( « Naturscienco, mondkoncepto, religio » ). Grava, fundamentiga, naturfilozofia verko de la konata botanikisto, universitata profesoro Dr. Roinke, Kiel. La libro, aperinta 1925 en la eldonejo de Herder en Freiburg ( Germanujo, Prezo 5 RM), defendas la kristanan mondkoncepton, baziĝante kaj apogante sin sur natursciencan ekkonon. Kun afabla permeso de l'nomita Herder-eldonejo jam publikiĝis el ĝi pluraj provartikoloj en « Katolika Mondo » ( Jarkolekto 1926, N° 2, 3, 4 kaj 5 ), kaj eble la tuta libro estos eldonata en Esperanto per Herder mem, se la eldononto konvinkiĝos pri sufiĉe granda legantaro internacia. Oni subtenu do laŭeble ĉi tiun de esperantista kaj kristana vidpunktoj plej rekomendindan entreprenon de la fame konata Herder-eldonejo.

**K.M. estas VIA gazeto. Kion FARAS por ĝi ?**

Kiu interesiĝas pri vivo kaj laboro de la aŭtoro, prof. Reinke, tiu nepre legu lian en sama eldonejo 1925 aperintan libron « Mein Tagewerk » (« Mia vivlaboro », prezo 7,50 RM), prezentantan membiografion de l'eminenta naturesploristo, parlamentano kaj naturfilozofo.

Brkn,

**Dro A. Möbusz, Universala Esperanta Lernolibro.** Esperanto-Eldonejo Ellersiek u. Borel, Berlin. Prezo por Parto I a (por kursanoj) 2, — RM, por Parto II, a por (kursgvidantoj ) 1,50 RM.

Novaĵo tre konsiderinda. Bonega estas la ideo : verki universalan lernolibron uzeblan por ĉiulingvanoj kaj samtempe individuan gramatikon kunmetendan de la lernanto mem. Serioza tralaborado de tiu ĉi libro certe edukos laŭ la intenco de la verkinto « Esperantistojn ne nur laŭ nomo, sed laŭ scio kaj povo »

**Arnold Behrendt, Achtung ! Welle Esperanto!** Ellersiek u. Borel, Berlin. Prezo : 0,90 RM Amuza lernlibreto, rekomendinda speciale por perradiaj kursoj.

**Dro Benson, Universala Esperantistigilo.** Benson School of Esperanto, Inx. Newark, i. S. A. Prezo 1 usona dolaro. Nekutima lernolibro klariganta la gramatikon per centoj da bildoj.



Presejo : Imp. F. Collins, Charleroi, Belgio.